24ᵃ Jaro - N° 11 (261) Jara Kotiz-Abono Fr. 35,— Novembro 1938ᵃ

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Monata Revuo fondita en 1908ᵃ

DIREKTORO:
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilryck-Antverpeno

Oficiala Organo de Reĝa Belga Ligo Esperantista

Societo sen profita celo. --- Belga Ŝtatgazeto 27.6.38

AL PLI GRANDA PERFEKTIGO

## Ni meritu kaj akiru niajn diplomojn

Antaŭ kelkaj monatoj, la administrantaro de Reĝa Belga Ligo Esperantista dediĉis preskaŭ tutan kunsidon al la funda esploro de la ekzamena demando; de la regularo laŭ kiu tiuj ĉi okazos estonte; de la programo por la diversaj ekzamenoj kaj fine, al la indiko de la juĝantoj.

En la dua paĝo de tiu ĉi numero, la leganto trovos alvokon por granda ekzamena tago, kiu okazos en la monato de Marto proksima, en urbo ankoraŭ nekonata, sed kiun ne la sorto, sed la nombro de la partoprenontoj indikos.

Li ankaŭ tie trovos la represon de la regularo, de la programo kaj de ĉiuj kondiĉoj plenumotaj.

Kaj iuj povus pensi, ke do sufiĉas; ke do ne estas necese, eĉ ne dezirinde, ke ankoraŭ pli da inko oni foruzu al tiu demando, kiu tamen interesas nur kelkajn.

Ne estas nia opinio. La demando fakte interesas nur kelkajn.

Sed la demando devus interesi multe pli da membroj de nia Ligo.

Ho! Ni konscias. Kiam ni estis studentoj, ni jam malŝategis la ekzamenojn kaj kiam mi diras NI, ne temas pri moŝta uzo de la multnombro. Ni, t.s. la grandega plimulto de la studentoj.

Kaj tiu sento de malŝato akompanas la homojn ordinare dum ilia tuta vivo, kaj ni konas multajn, kiuj nenial ankoraŭ akceptus fari ekzamenon.

Ni insistas: ili malpravas!

Ili malpravas, ne, ĉar ekzameno kaj diplomo signifas multe, sed ĉar ekzameno, eĉ sen diplomo, supozas iun preparon, kiun plenkreskulo, kiu havas siajn zorgojn, sian laboron, sian vivon jam tute faritan, ordinare preterlasas, kiam li ne antaŭmetis al si taskon, celon plenumotan.

Ili malpravas, ankaŭ kontraŭ nia movado, kiu pli ol kiu ajn alia postulas homojn, kiuj ne nur estas entuziasmaj pri nia idealo; kiuj kun admiro kaj respekto parolas pri la ideo de lingvo internacia kaj pri la solvo, kiun D-ro Zamenhof trovis por ĝi; sed kiuj ankaŭ kapablas flue paroli la lingvon; skribi kaj traduki kaj fine ankaŭ instrui.

Ne diru: Mi ja parolas la lingvon sufiĉe bone por miaj bezonoj kaj la instruadon de la lingvo, ni lasu al profesiaj instruistoj.

Se vi volas rigardi ĉirkaŭ vi; ankaŭ retrorigardi en la pasintecon, vi vidos, ke se ni havis bonegajn instruistojn, kiuj dediĉis sian tempon al la instruado de Esperanto, la granda plimulto de niaj kursoj estis donitaj de ne-instruistoj, eĉ en tiuj urboj, kie ni kalkulas membrojn-instruistojn.

Ĉu ni riproĉu al ili pro tio ? Ne !

Pro la leĝo de la kontrastoj, ni, kiuj skribas dum la tuta tago artikolojn plej diversajn, ni multe pli volonte akceptos fari paroladon en grupo, eĉ malproksima, ol verki artikolon por iu revuo.

Ni do bone devas kompreni, ke instruisto pli volonte skribus artikolon ol fari ankoraŭ lecionon, post longa instruiga laboro.

Kaj ni do devas, se ni sentas en ni la kapablon, meti nin sur la rangoj de la unua legio, tiu pri kiu la Movado povas disponi.

Tiu unua rango estas tiu de la kandidatoj al la ekzamenoj.

Por plifaciligi al vi la krudan vojon al tiuj ekzamenoj, Belga Ligo decidis, — kaj tiel ĝi akordiĝis kun la internaciaj instancoj —, organizi, krom la ekzameno pri lernado, kiun la grupoj aranĝas, ekzamenojn pri supera lernado kaj pri profesora kapableco.

Povas partopreni la lastan ekzamenon, nur tiuj kandidatoj, kiuj jam posedas la antaŭan diplomon.

Tiel la lernanto, iom post iom, konvinkiĝas mem pri siaj kapabloj, konscias pri ili kaj pli facile povos preni la decidon prezenti sin por la lasta instanco, tiu, kiu ekster skriba kaj paroliga parto, ankaŭ entenas instruan parton.

Jam de preskaŭ tri jaroj ne plu okazis ekzameno en Belgujo pri profesora kapableco, dum tiu pri la supera lernado neniam okazis en nia Ligo. Ni do rajtas supozi, ke intertempe novaj elementoj ekstaris aŭ ke malnovetaj maturiĝis kaj ni do povas esti certaj, ke nia Liga Prezidanto ricevos, antaŭ la monato de Februaro proksima, multajn petojn, tiel ke la unua rango de la unua legio estu vidinda kaj kuraĝiga.

Kaj por tion akiri, la grupoj havas gravan devon plenumotan.

Tiun ni ne klarigos tie ĉi. La grupoj ĝin konas.

Maur. JAUMOTTE.

# Reĝa Belga Ligo Esperantista

## Unua Ekzamenarango

Niaj gemembroj memoros ke, en la komenco de tiu ĉi jaro, la administrantaro de nia Ligo akceptis tutnovan aranĝon de la ekzamenoj en nia lando.

La nova labormaniero por la unua fojo ekfunkcios, dimanĉon, la 5-an de Marto 1939, je la 10-a horo, en la urbo, el kiu estos alveninta la plej granda nombro da enskriboj.

La kandidatoj sendu sian peton al la Liga Prezidanto, S-ro Paul Kempeneers, 19, Avenuo Montjoie, Uccle, plej malfrue la 5-an de Februaro.

Ni jam nun informas pri la organizo de tiuj ekzamenoj, por ke ĉiu havu la necesan tempon, por sin taŭge prepari.

Ni represas, ĉi sube, ĉiujn informojn, dezirindajn:

### REGULARO

Reĝa Belga Ligo Esperantista organizas la ekzamenon pri la kono de la Esperanta Lingvo en sia teritorio.

Tiuj ekzamenoj enhavas tri gradojn:
a) atesto pri lernado;
b) atesto pri supera lernado;
c) atesto pri profesora kapableco.

Art. 1. — Kandidato estas allasata al ekzameno de la dua aŭ de la tria grado, nur se li posedas la diplomon pri la antaŭa grado, de almenaŭ unu jaro.

Provizore personoj kiuj, je la momento de la akcepto de la nuna regularo, estas membroj de la societo, de almenaŭ du jaroj, ne estos devigataj atendi unu jaron, inter la akiro de la atesto pir lernado kaj la ekzameno pri supera lernado.

Art. 2. — La administrantaro fiksas la kostojn, pagotajn de la kandidatoj por esti allasataj al la ekzameno.

Art. 3. — Por la organizo de la ekzamenoj, la administrantaro elektas specialan komisionon, nomatan « Ekzamena Komisiono », kaj ĝian prezidanton.

Tiu ĉi komisiono estas kunmetata nur de personoj, kiuj posedas la diplomon pri profesora kapableco de la Ligo.

Tiu ĉi komisiono konsistas el ses efektivaj membroj, kaj ĝis ses anstataŭaj membroj, kiuj estas membroj de la Ligo de almenaŭ kvin jaroj.

Ekzamenantaro ĉiam konsistas el almenaŭ tri membroj indikitaj de la estraro.

Art. 4. — Rilate la ekzamenon pri simpla kapableco, la komisiono rajtas konfidi la organizon de tiuj ekzamenoj al lokaj aliĝintaj grupoj aŭ al individuaj membroj de Belga Ligo.

Ili kunmetos ekzamenantaron, konsistantan el tri membroj de Belga Ligo, el kiuj almenaŭ unu havu la diplomon pri profesora kapableco.

Tiuj ekzamenantaroj povas aljuĝi diplomojn pri simpla kapableco, nome de R.B.L.E., kondiĉe ke ili submetu la kandidatojn al la programo kunmetita de la Komisiono kaj kiu estos publikigata en « Belga Esperantisto ».

La loko, dato kaj horo de tiaj ekzamenoj kaj la kunmeto de la ekzamenantaro devos esti sciigataj al la Prezidanto de la Komisiono almenaŭ du semajnojn antaŭe kaj la Prezidanto havos la rajton persone ĉeesti tiujn ekzamenojn aŭ reprezentigi sin de membro de la Komisiono.

Post la ekzameno, la lokaj organizintoj sendos la demandaron de la skriba parto de la ekzameno, la rezultaton kun ĉiuj eventuale necesaj informoj al la prezidanto de la ekzamena komisiono, kiu havigos al la organizintoj sian aprobon.

En la eventualeco, ke la labormaniero de la loka juĝantaro aŭ la programo ne estus konformaj al la postuloj de la Komisiono, la tri membroj de la ekzamenantaro povos apelaci apud la prezidanto de la Komisiono.

En tia okazo la Komisiono decidos ĉu diplomoj povas esti aljuĝataj nome de R.B.L.E.

Art. 5. — Ekzamenantaro por la kategorioj b. kaj c. ĉiam konsistas el almenaŭ tri membroj de la ekzamena komisiono, indikitaj de la estraro, laŭ propono de la prezidanto de la ekzamena komisiono.

Art. 6. — Neniu grupo aŭ neniu individuo havas la rajton ekster la ĉi supraj kondiĉoj, disdoni al kandidatoj diplomojn, sur kiuj estas menciitaj en kia ajn rilato, la nomo de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

Art. 7. — Ekzamenoj de la tri kategorioj estos almenaŭ unufoje ĉiujare anoncitaj de Belga Ligo.

### KONDIĈOJ

La kandidatoj pagos :

5 fr. por la ekzameno « atesto pri lernado »;
10 fr. por la ekzameno « atesto pri supera lernado »;
50 fr. por « atesto pri profesora kapableco ».

La lernantoj, kiuj ne sukcesas, povas unufoje senpage refari la saman ekzamenon.

### PROGRAMO

#### 1° ATESTO PRI LERNADO.

*(Tiu atesto estas simpla pruvo de elementa kono de la lingvo. Ĝi taŭgas ekzemple por la personoj kiuj dum unu kursjaro profitis la lecionojn.)*

| | | P. |
|---|---|---|
| I. | Diktajo | 10 |
| II. | Traduko, el la nacia lingvo, de 15 frazoj (sen vortaro). Daŭro de la laboro: 45′ maksimume. P. 20 laŭsekve : vortaro | 10 |
| | ĝusteco | 10 |
| III. | Legado de teksto, proksimume 6 linioj. La elparolado kaj la akcento estu puraj | 10 |
| IV. | Traduko de tiu teksto kun klarigo de kelkaj gramatikaj demandoj | 10 |
| | | 50 |

#### 2° ATESTO PRI SUPERA LERNADO.

*(Post perfektiga kurso aŭ memperfektigo. Nepra kondiĉo : la kandidato posedu la ateston pri lernado.)*

| | | P. |
|---|---|---|
| I. | Traduko el Esperanto: 15 linioj | 10 |
| II. | Redakto de letero, aŭ de artikolo pri propagando, turismo ktp. (Almenaŭ 10 linioj — mezgrandaj literoj — en Esperanto, sen vortaro) | 20 |
| III. | Legado de 5 linioj: perfekta elparolado | 5 |
| IV. | Parole: per Esperanto 1° respondoj pri gramatikaj demandoj | 20 |
| | 2° interparolado kun la juĝantaro | 20 |
| | | 75 |

#### 3° ATESTO PRI PROFESORA KAPABLECO.

*(Kondiĉoj: posedi la atestojn 1° kaj 2°.)*

| | | P. |
|---|---|---|
| | **Skriba parto :** | |
| I. | Traduko el nacia lingvo: 10-15 linioj | 20 |
| II. | Traduko el Esperanto | 10 |
| III. | Korektado de teksto enhavanta erarojn gramatikajn | 10 |
| | **Parola parto :** | |
| I. | Legado kaj tradukado de 10 linioj el Zamenhofa verko | 20 |
| II. | Demandoj pri la teorio kaj praktiko de internacia lingvo; la historio kaj la literaturo de Esperanto | 20 |
| III. | Traduko de malgranda nacilingva anekdoto | 10 |
| | **Instrua parto,** farota antaŭ publiko, de grava gramatika punkto. (Preparado: 30′) | 60 |
| | | 150 |

La ateston nur ricevos la kandidatoj, kiuj atingis almenaŭ la duonon de la poentoj por ĉiu parto kaj 65 % por la tuta ekzameno.

### EKZAMENANTARO

La ekzamenan komisionon prezidos F-ino Ant. Jennen. Ĝi konsistos devige el almenaŭ tri membroj, kiujn la Ligestraro elektos inter la efektivaj elektitoj S-ro P. Kempeneers, prezidanto de Belga Ligo, F-ino Yv. Thooris kaj S-ro Maur. Jaumotte, vicprezidantoj; S-roj L. Cogen emerita vicprezidanto kaj C. Vandevelde, administranto, aŭ, se tiuj ĉi estas malhelpataj, inter la anstataŭontoj : S-ro Alofs, F-ino Obozinski kaj S-ro Sielens.

# BELGA KRONIKO

## GRUPA KALENDARO.

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejoj « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France, kaj: Lge Leemstraat, 127, Lge Rue d'Argile: ĉiusabate je 20a h. 30.

Sabaton, la 5-an de Novembro: ĝenerala kunveno: **Ekzameno de la situacio.** (Witte Leeuw.)
Sabaton, la 12-an: parolado de S-ro Jaumotte: Vojaĝo al la Azura Marbordo. (Witte Leeuw.)
Sabaton, la 17-an: diversaj ludoj. (Esperanto-Domo.)
Sabaton, la 25-an: saŭrkraŭta manĝvespero en « Drie Koningen », St. Anna. Kunveno je la 20-a ĉe la enirejo de la tunelo por piedirantoj.

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO : « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel. 314.59.

KUNVENEJO : « Salonego Brangwyn », ĉe S-ano Jéhansart, placo Simon Stevin, Tel. 318.23.

La kunvenoj dum novembro 1938, ĉiuj en la Kunvenejo:
Mardon, la 8-an de Novembro: a) Legado de Belga Esperantisto (Prez. S-ro Ch. Poupeye); b) Memorigo morto de S-ro Boutwood, honora prezidanto.
Mardon, la 15-an: a) Dikto de kanto (Prez.: F-ino Y. Thooris; b) Gvidata interparolado (Prez.: S-ro Ch. Poupeye).
Mardon, la 22-an: a) Kantado (Gvidado: S-ino Ch. Poupeye, ĉe la piano: S-ino H. Van Roye); b) Portretludo (Prez. S-ro K. Decoster).
Mardon la 29-an: Konkursetoj kun premioj, (Prez.: S-ro H. Van Roye).
KURSO POR KOMENCANTOJ: ĉiuvendrede en la Sidejo « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », je la 20-a, la 4-an, 11-an, 18-an kaj 25-an de novembro: 5-a, 6-a, 7-a kaj 8-a lecionoj.
BIBLIOTEKO malfermata en la Sidejo, ĉiumarde — kaj ankaŭ ĉiuvendrede dum la daŭro de la kurso — de la 19.30-a ĝis la 20-a. Bibliotekistoj: F-ino M. Vanden Berghe kaj S-ro K. Decoster. Tie ankaŭ samtempe: vendado kaj mendado de esperantaĵoj: libroj, steloj, poŝtkartoj, leterpapero, ktp.
HELPA VENDEJO de esperantaĵoj ĉe F-ino M. HUYGHE, Potterierei, 1, quai de la Poterie, (Helpa Poŝtoficejo), Tel. 315.61.

BRUSELO. — **« Esperantista Brusela Grupo ».** — Kunvenejo : « Hotelo Albert I », Placo Rogier, 10, ĉiulunde :
De la 7-a ĝis la 8-a : Dancleciono.
De la 8-a ĝis la 9-a: Kurso.
De la 9-a ĝis la 10-a: Kunveno.

Lundon, la 7-an de Novembro: S-ro Jacobsohn, pri Radio kaj Esperanto.
Lundon, la 14-an: STAESido.
Dimanĉon, la 13-an: Promenado al Ganshoren, rendevuo Pl. Simonis je la 2a 1/2. Tramojn: 7, 9, 10, 14, 20, 86, 87 kaj « Boerentram ».
Lundon ,la 21-an: F-ino Jennen montros filmon pri krozado al Sicilio.
Lundon, la 28-an: F-ino M. Pierre gvidos amuzan vesperon laŭ la Angla modo.

CHARLEROI. — **« Cercle Polyglotte »**, Passage de la Bourse. Paroligaj kunvenoj ĉiusabate je la 19a h. 30.

## GRUPAJ RAPORTOJ.

**ANTVERPENO. — Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Post la vizito al la magazeno, okaze de la datreveno de ĝia starigo, okazis, la 8-an, parolado de la prezidanto, S-ro Jaumotte, pri lia peraviadila vojaĝo al Kopenhago. Li vivplene rakontis detale tiun vojaĝon kaj S-roj De Hondt kaj Faes vicprezidantoj, laŭvice dankis lin, nome de ĉiuj pro la parolado kaj pro la propagando, kiun li survoje faris.
La 15-an, S-ro Lodema tre interese kaj detale raportis pri la Londona Kongreso, kiu estis brila, sed kruele trafita pro la morto de F-ino Saxl. S-ro Jaumotte dankis lin tutkore.
La kantvespero de la 22-a estis prokrastita kaj S-ro De Hondt gvidis diversajn ludojn.
La kunikla manĝvespero de la 29-a inde finis la monaton.
La nova kurso gvidata de F-ino M. Jacobs, altiris 11 gelernantojn.

**BRUĜO. — Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — La 13-an de Septembro, la grupo ricevis la viziton de sia Londona membro, S-ro H. Moy Thomas, kies kanto « Adiaŭa Hor' » estis diktata de F-ino Thooris. S-ro Poupeye antaŭlegis eltiraĵojn el flandra romano: « Alma's Hoogmoed », de Pol Van der Poel, en kiu oni parolas pri la vivo de esperantista grupo kaj kiu entenas bonegan pledadon por nia lingvo. Fine s-ro Moy Thomas agrabligis la lastan parton de la vespero, gitare ludante kaj kantante la plej belajn perlojn el sia repertuaro.
Kanta vespero okazis la 20-an de Septembro sub gvidado de S-inoj Poupeye kaj Van Roye.
Dimanĉon, 25-an de Septembro, je 18-a, okazis en la Sidejo « Gouden Hoorn - Cornet d'Or », propaganda vespero por la nova kurso. Malgraŭ la malkvietiga periodo, sufiĉe multnombra publiko ĉeestis. S-ro Sylvain Dervaux, Honora Prezidanto, prezidis kaj bonvenigis D-ron P. Kempeneers, Ligan Prezidanton, kaj dankis lin pro lia honoriga ĉeesto dum li proponis florojn al S-ino Kempeneers. Li tiam senkulpigis S-ron Maur. Jaumotte, Ligan Vicprezidanton, kiu devis paroladi dum tiu vespero, sed kiu pro la internaciaj okazintaĵoj ne povis forlasi sian profesian postenon. Li ankaŭ prezentis S-ron Ch. Poupeye, vicprezidanton de la grupo, kiu prenis sur sin la taskon anstataŭi la malhelpatan paroladonton. Floroj estis proponataj ankaŭ al S-ino Poupeye. S-ro Poupeye tiam faris flandralingve detalplenan paroladon pri la temo: « La internacia helplingvo Esperanto ». Lia argumentriĉa pledado certe konvinkis la ĉeestantaron. Post tio S-ro C. Vandevelde, Prezidanto de la Genta Grupo, plej lerte kaj agrable resumis franclingve la antaŭan paroladon, aldonante multajn spritajn rimarkojn. Fine D-ro Kempeneers, post eldiro de kelkaj vortoj en Esperanto, montris siajn belajn filmojn pri la estintaj kongresoj de Vieno, Charleroi kaj Londono, kaj ekscis pri ili meritita sukceson. F-ino Thooris esprimis dankojn al ĉiuj kaj anoncis la venontan kurson de la 30-a de Septembro.
Prepare al tiu kurso estis ankaŭ aranĝata en la montrofenestro de S-ano Bruselle, Steenstraat, bela ekspozicio de esperantaĵoj. Tiu elmontro daŭris de la 23-a de septembro ĝis la 6-a de Oktobro kaj estis organizata de S-ro Poupeye, dank' al la valora kunhelpo de Belga Esperanto-Instituto.
La kunveno de la 27-a de septembro havis, pro la minacanta milito, tre specialan karakteron. Krom parto, dum kiu F-ino Thooris, prezidantino, faris la kutimajn komunikaĵojn, ĝi estis preskaŭ tute dediĉata al radio-aŭskultado de la paroladoj de S-roj Chamberlain, Spaak, Marck kaj... Hitler.
Feliĉe la nigraj nuboj jam rapide disbloviĝis, kiam la 30-an de Septembro en la Sidejo malfermiĝis la nova kurso por komencantoj, sub gvidado de S-ro Poupeye. Nur sep novuloj enskribiĝis. Tial la unua leciono estis redonata la 7-an de Oktobro, kun iom plia sukceso.
Intertempe, la 4-an de Oktobro, okazis la semajna kunveno, dum kiu S-ro Poupeye gvidis legadon de Belga Esperantisto kaj F-ino Thooris diktis plian kanton « La fluanta tajdo ».
La 11-an de Oktobro, F-ino Thooris en altidea alparolado rememorigis la fondon de la Bruĝa Grupo. (10-a de Oktobro 1902, S-ro A. J. Witteryck.) Post tio okazis kantvespero sub gvidado de S-ro H. Van Roye kaj S-ino Poupeye.
La 2-a leciono de la kurso estis donata la 14-an de oktobro. Pliaj lernantoj enskribiĝis ĝis entute 18.
Fine la 18-an de Oktobro, S-ro H. Van Roye plenigis preskaŭ la tutan vesperon per sia ege interesa parolado « Diktatoroj ». Li taktplene pritraktis tiun temon iom malfacilan por neŭtrala grupo kaj varma aplaŭdado substrekis lian plenan sukceson.

**BRUSELO. — Esperantista Brusela Grupo.** — Dimanĉon, la 11-an de Septembro F-ino Kestens gvidis belan kaj gajan ekskurson ekde la stacidomo de Calevoet ĝis la Kastelo de Beersel, kiun la grupanoj vizitis. Post promenado ĝis Loth, la partoprenintoj, reveturis Bruselon vagonare, ĝoje babilantaj. La belega vetero multe kunhelpis la sukceson de tiu plezura kunpromeno.
Lundon, la 12-an de Septembro, S-ino Pierre faris raporton pri la Londona Kongreso. La multajn detalojn kiujn la parolantino priskribis tre interesis la geaŭskultantojn, precipe tiujn kiuj ne ĉeestis la kongreson. Poste S-ro V. d. Stempel legis historieton kaj la kunsido finiĝis per kunkantado de « La Espero ».
Lundon, la 19-an de Septembro, S-ro Vogelvang, el Ĉeĥoslovakujo, kiel gasto, diris kelkajn interesajn vortojn pri la Esperanto-movado en sia lando. Post tio S-ino Pierre daŭrigis kaj finis sian raporton pri la internacia Kongreso, rakontante pri diversaj interesaj Londonaj kutimoj kiujn ŝi tiel bone observis.

**GENTO. — « Genta Grupo Esperantista. ».** « Gent'a Grupo » estigis publikan propagandan kunvenon, kiun, pro la internaciaj malfacilaĵoj, ĝi prokrastis ĝis la 14-a de Oktobro.
La prezidanto estis tutfarinta du arojn da bildoj por lumaj montraĵoj: dudek du por klarigo de la neceseco de la helpa lingvo, kaj por montri ĝian ĝeneralan strukturon; dudek unu pri « La Luno ».
Sinjorino De Rijcke tre lerte komentariis ĉiun luman tabulon pri Esperanto, tiel ke la ĉeestantoj tre bone ekscis pri la simpleco kaj la taŭgeco de la Zamenhofa geniaĵo; ili povis legi vortojn, eĉ frazojn, kiujn ili tuj komprenis.
La lumajn bildojn pri « La Luno », komen-

tariis la prezidanto en la lingvo Esperanto, uzante plej kiel eble vortojn simplajn kaj ankaŭ facile kompreneblajn. La ĉeestantoj povis do konstati ke Esperanto havas agrablan sonorecon kaj taŭgas ne nur por ĉiutagaj interparoloj, sed ankaŭ por ĉiu ajn temo.

Multaj libroj pri beletristiko kaj pri scienco estis ekspoziciataj kun aroj da gazetoj kaj revuoj diversspecaj; la ĉeestantoj interesiĝis pri tiuj kolektoj dum paŭzo inter la du partoj de la kunsida programo.

**LA LOUVIERE. — « Esperantista Grupo de la Centra Regiono ».** — La urbestraro de La Louvière, pere de la «Commission des Loisirs», voĉdonis, profite de la grupo, helpmonon de 150 frankoj. Grandanima ekzemplo de tiu urba administracio kaj kiu meritus, ke multaj aliaj sekvu ĝin.

**LOVENO. — Lovena Grupo Esperantista.** — Post la sukcesa ekspozicio la agado interrompiĝis pro la ĝenerala krizo. La dato de la rekomenco de la vintra kurso fine estis fiksita je la 26-a de Oktobro. 150 afiŝoj estis disgluitaj kaj penditaj en la urbo kaj 900 propagandfolioj en ambaŭ naciaj lingvoj disdonitaj dum festoj kaj baloj. 350 rabatkuponoj estis donitaj al societoj organizintaj tombolojn.

Al 8 diversaj gazetoj estis senditaj komunikoj pri la kurso kiel ankaŭ al I.N.R. La gvidantoj nun atendas alvenon de multaj lernontoj kaj esperas tiel pligrandigi la anaron de nia Belga Ligo.

## FAMILIA KRONIKO.

### KONDOLENCOJ.

**Je la momento de la presado de nia revuo ni ekscias pri la morto, Sabaton, 22.X., de S-ro Boutwood, honora prezidanto de la Bruĝa Grupo Esperantista kaj vicprezidanto de Brita Asocio Esperantista.**

**Reĝa Belga Ligo Esperantista perdas per tiu morto, grandan amikon.**

**En sekvanta numero ni reparolos pri tiu bedaŭrata amiko.**

— S-ro Komandanto FERNAND MONCOUSIN, Verviers (Belgujo), mortis la 21.8.1938, nur 46-jara. Altestimata oficiro, li estis ankaŭ klera lingvisto kaj posedis maloftan konon en historiaj kaj artaj kampoj. Esperantisto de pli ol 20 jaroj, li prezidis la LKK-on de la Belga Esperanto-Kongreso en Lieĝo en 1930. Post tiu periodo, li loĝis en Verviers, kie lia altranga situacio kaj klera menso ofte kontribuis al la sukceso de niaj propagandaj klopodoj. Nur post kvintaga malsano la morto forrabis lin de kara edzino kaj maljuna patro.

— S-ro IWAN DELHEZ, Verviers (Belgujo), mortis la 25.9.1938. Li estis korespondanto en fremdaj lingvoj kaj apartenis al la grupo jam de 1915. Li estis unu el ĝiaj sekretarioj, kiam ĝi organizis la Belgan Esperanto-Kongreson en 1925, kaj li gvidis plurajn kursojn. Li mortis dum li sunbanis, okaze de solula ekskurso, tutsola en la dezertaj « Fagnoj », verŝajne pro sangalfluo al la cerbo. Nur 1 1/2 tagojn poste oni trovis lian kadavron. En aĝo de 41 jaroj, li postlasas edzinon kaj tri geknabojn.

### GRATULOJ.

— Al Ges-roj J. Van Bockel-Van Walle, gemembroj de « La Verda Stelo », Antverpeno, pro naskiĝo de tria filo Jan.

— Al Ges-roj Hugo VRIELYNCK-HUBRECHT, membro kaj komitatanino de la Bruĝa Grupo, pro naskiĝo de ilia fileto PAUL. 13.9.38.

# Fabeloj de Andersen

## En traduko de Dro L. L. Zamenhof

*En 1917 mortis nia Majstro... Lia vivoverko tamen vivis plu...*

*Pro certaj kialoj ne aperis tamen parto de lia traduka laboro: la resto de la « Fabeloj de Andersen ».*

*Belga Esperanto-Instituto aĉetis la eldonrajton de tiu traduko kaj post kelka tempo aperos du belaj volumoj... du majstroverkoj.*

*Ĉi poste ni publikigas la finon de la unua fabelo el la kvara parto.*

---

### LASTA SONĜO DE MALJUNA KVERKO.

Kristnaska fabelo.

(Fino.)

Kaj ĉiu el la folioj de la arbo povis vidi, kvazaŭ ĝi havus apartan okulon, por ĉion rigardi. La steloj fariĝis videblaj dum la tago, tiel grandaj kaj brilantaj ili estis; ĉiu el ili lumis, kiel paro da okuloj, tiel milde kaj klare. Ili rememorigis pri konataj ĉarmaj okuloj, pri infanaj okuloj, pri la okuloj de la amantaj paroj, kiam ili kunvenis sub la arbo.

Tio estis senfine feliĉiga momento, tiel plena de ĝojo, kaj tamen meze de la tuta feliĉego ĝi sentis sopiron, ke ĉiuj aliaj arboj de la arbaro tie malsupre, ĉiuj arbetoj, herboj kaj floroj povu leviĝi kune kun ĝi, por ankaŭ senti tiun brilon kaj tiun ĝojon. La potenca kverko en la sonĝo tamen ne estis perfekte feliĉa de tiu tuta belegeco, se ĝi ne povis dividi sian feliĉon kun ĉiuj, kun la grandaj kaj la malgrandaj, kaj ĉi tiu sento tremis en la branĉoj kaj folioj tiel same profunde kaj forte, kiel ĝi povas tremi en brusto de homo.

La kapo de la arbo moviĝadis, kvazaŭ ĝi ion serĉis kaj ne trovis, ĝi rigardis malantaŭen, kaj tiam penetris al ĝi la odoro de la asperulo kaj baldaŭ ankoraŭ pli forte la odoro de la kaprifolioj kaj de la violoj. Ŝajnis al ĝi, ke ĝi aŭdas, ke la kukolo al ĝi respondas.

Jes, tra la nuboj montriĝis la verdaj suproj de la arbaro, la kverko vidis, ke la aliaj arboj sub ĝi kreskas kaj leviĝas simile al ĝi. Arbetoj kaj herboj kreskis alte en la aeron, kelkaj elŝiriĝis kun siaj radikoj kaj flugis pli rapide. La betulo atingis la plej grandan altecon; kiel blanka radio de fulmo ĝia gracia trunko serpentforme leviĝis supren, ĝiaj branĉoj ondiĝis kiel verda krepo kaj standardoj. Ĉio, kio estis en la arbaro, eĉ la brunplumeta kano, ankaŭ kreskis, kaj la birdoj sekvis kaj kantis, kaj sur la herba trunketo, kiu ŝvebis kaj flugis simile al longa verda silka rubando, sidis la akrido kaj ludis per la flugilo sur sia tibio. La majskaraboj murmuris kaj la abeloj zumis, ĉiu birdo kantis, kiel ĝi povosciis, ĉie estis kantado kaj ĝojo, tute kiel en la ĉielo.

« Sed la malgranda ruĝa floro ĉe la akvo ankaŭ devus veni! » diris la kverko, « ankaŭ la blua kampanulo kaj la malgranda lekanteto ! » Jes, la kverko voiis, ke ili ĉiuj partoprenu.

« Ni ankaŭ ĉi estas, ni ankaŭ ĉi estas ! » aŭdiĝis sonado de ĉiuj flankoj.

« Sed la bela asperulo de la pasinta somero... la antaŭa jaro estis tre abunda koncerne konvalojn... kaj la sovaĝa pomarbo, kiel bele ĝi staris!... kaj la tuta lukso de la arbaro antaŭ jaroj, antaŭ multe da jaroj!... se ĝi restus vivanta ĝis nun, ĝi ankaŭ povus partopreni ! »

« Ni ankaŭ partoprenas ! Ni ankaŭ partoprenas ! » aŭdiĝis sonado kaj kantado ankoraŭ pli alte supre; ŝajnis, ke ili estis flugintaj antaŭen.

« Ho, tio estas nekredeble bele ! » ĝojkriis la maljuna kverko. « Mi havas ilin ĉiujn, la malgrandajn kaj la grandajn, neniu estas forgesita ! Kiamaniere ĉi tiu tuta feliĉego estas ebla kaj imagebla ! »

« En la ĉielo de Dio ĝi estas ebla kaj imagebla ! » aŭdiĝis sonado.

Kaj la arbo, kiu ĉiam ankoraŭ kreskis, sentis, ke ĝiaj radikoj elliberiĝas el la tero.

« Ĉi tio estas la plej bona ! » diris la arbo; « nun nenia ligilo plu min tenas ! Mi povas leviĝi al la Plejaltulo, al Lia lumo kaj brilo ! Kaj ĉiujn karajn mi havas ĉe mi, la malgrandajn kaj la grandajn, ĉiuj estas ĉe mi ! »

« Ĉiuj ! ».

Tio estis la sonĝo de la kverko; kaj dum ĝi sonĝis, forta ventego blovis super la maro kaj la tero en la sankta Kristnaska nokto. La maro rulis pezajn ondegojn sur la bordon, la arbo krakis, rompiĝis kaj elŝiriĝis kune kun la radikoj, ĝuste en tiu momento, kiam ĝi sonĝis, ke ĝiaj radikoj liberiĝas. Ĝi falis. Ĝiaj tricent sesdek kvin jaroj nun ankaŭ estis nenio alia ol la tago de unutaga muŝo.

En la Kristnaska mateno, kiam denove montriĝis la suno, la ventego kvietiĝis. Ĉiuj preĝejaj sonoriloj feste sonoris, kaj el ĉiu kamentubo, eĉ el la plej malgranda sur la tegmento de la malgranda kabano, per blueta nubo leviĝis la fumo, kiel de la altaro dum la festo de la Druidoj, oferfumo de danko. La maro fariĝis ĉiam pli kaj pli trankvila, kaj sur granda ŝipo, kiu tie sur la maro dum la nokto trasuferis la malbonan veteron, nun estis suprentiritaj ĉiuj flagoj por la festa Kristnaska soleno.

« La arbo malaperis ! La maljuna kverko, nia orientiĝa signo sur la bordo! » diris la maristoj. « Ĝi falis en ĉi tiu ventega nokto ! Kiu ĝin anstataŭos por ni ! Neniu tion povas ! »

Tian funebran parolon, mallongan sed bonintencan, ricevis la arbo, kiu kuŝis etendita sur la neĝa kovro ĉe la bordo. Kaj trans ĝin eksonis de la ŝipo solena sankta kanto, kanto pri la Kristnaska ĝojo kaj pri la liberiĝo de la homaj animoj en Kristo kaj pri la eterna vivo :

« Ĝoju, ĉielo, ĝojkriu, vi finoj de l' tero !
Di' kaj pekulo paciĝas en plena sincero;
Pacon kaj ĝojon nun Tiu proklamas,
Kiu la mondon estigis kaj amas.
Ĝoju, paŝtant' kaj paŝtatoj ! »

Tiel sonis la malnova kanto, kaj ĉiu tie sur la ŝipo per la kanto kaj per la preĝo sentis sin tiel alte, kiel sentis sin la arbo en sia lasta, sia plej bela sonĝo.



**Multaj samideanoj posedas en sia hejmo portreton, ĉu grandan, ĉu malgrandan de nia Majstro.**

**Malmultaj posedas statueton. Post kelka tempo, ĉiu posedos!**

**Belga Esperanto-Instituto efektive vendas belan statueton 12-centimetrojn alta, el gipso, je la favorega prezo de Fr. 6.**

**Al la grupoj, kiuj volas kunigi la mendojn, la Instituto konsentas rabaton ĝis Fr. 5,—.**

**La Instituto ankaŭ posedas grandformatajn statuojn, kiujn ĝi vendas je prezo de Fr. 60 kaj por la grupoj Fr. 50.**

**Ni ne dubas, ke ĉiu grupo deziros posedi tian brustobildon grandformatan kaj ke ĉiu samideano deziros aĉeti la malgrandformatan.**

**Mendojn oni sendu al B.E.I., 127, Lange Leemstraat, Antverpeno.**

## BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, K. S.

### Kunvoko al eksterordinara ĝenerala kunsido

La akciuloj estas invitataj al

# Eksterordinara Ĝenerala Kunsido

kiu okazos, en la sidejo « Esperanto-Domo », Lange Leemstraat, 127, Antverpeno, Sabaton, la 17-an de Novembro 1938, je la 20a vespere, kun la celo ŝanĝi la statutojn, laŭ jena detalo:

**Enŝovi inter la paragrafoj 1 kaj 2 de Art. 3 :**

« Krom tiuj aferoj, kiuj rilatas al la instruo de la lingvo Esperanto kaj la antaŭenpuŝo de tiu lingvo, la diversaj negocoj okazos sub komerca titolo, enhavanta la indikon de la fako, kun aldono de la vorto "Esperanto": presejo « Esperanto », eldonejo « Esperanto », agentejo « Esperanto ». La cititaj ekzemploj ne estas limigaj.

**Aldoni al Art. 14 :**

Ĉiu administranto kaj ĉiu komisaro havas, sen plia rajtigo, la plenan rajton subskribi ĉiujn tiujn ĉi lastajn dokumentojn kaj kvitancojn.

**Ŝanĝi la unuan paragrafon de Art. 15 jene :**

« La ĉiujara ĝenerala kunveno okazos laŭstatute en la urbo, kie okazas la jara kongreso de Reĝa Belga Ligo Esperantista, dum unu el la pentekostaj tagoj, prefere sabate.

Se ne ĉeestas akciuloj posedantaj aŭ reprezentantaj la duonon de la akcioj, dua ĝenerala kunveno okazos en Antverpeno la dimanĉon post Pentekosto kaj findecidos laŭleĝe pri tiuj punktoj, kies aprobo postulas, ĉe unua kunsido, tiomopan ĉeeston.

La invitoj al la ĝeneralaj kunsidoj povos okazi per ordinara cirkulero aŭ per enpreso en « Belga Esperantisto ».

La Prezidanto,
Maur. JAUMOTTE.

## KONKURSO I. E. L. 1938.

Ĉi-sube ni represas tabelon kiu montras la staton de la konkurso denove organizita de I. E. L. :

| | 1937 | 1938 | % |
|---|---|---|---|
| 1. Bulgarujo | 92 | 326 | 254.3 |
| 2. Svislando | 137 | 458 | 334.3 |
| 3. Jugoslavujo | 257 | 679 | 264.2 |
| 4. Polujo | 318 | 631 | 198.4 |
| 5. Latvujo | 55 | 101 | 183.6 |
| 6. Finnlando | 61 | 102 | 167.2 |
| 7. Litovujo | 135 | 169 | 125.2 |
| 8. Aŭstralio | 429 | 464 | 108.1 |
| 9. Kanado | 74 | 79 | 106.7 |
| 10. Norvegujo | 792 | 825 | 104.2 |
| 11. Belgujo | 1722 | 1738 | 100.9 |
| 12. Nov-Zelando | 265 | 267 | 100.7 |
| 13. Britujo | 6483 | 6469 | 99.8 |
| 14. Usono | 1513 | 1471 | 97.2 |
| 15. Sud-Ameriko | 851 | 802 | 94.2 |
| 16. Portugalujo | 317 | 293 | 92.4 |
| 17. Nederlando | 2837 | 2628 | 92.3 |
| 18. Hungarujo | 619 | 564 | 91.1 |
| 19. Francujo | 5907 | 5309 | 89.8 |
| 20. Italujo | 636 | 561 | 88.2 |
| 21. Svedujo | 3024 | 2532 | 83.7 |
| 22. Ĉeĥoslovakujo | 2449 | 1805 | 73.7 |
| 23. Afriko | 137 | 99 | 72.3 |
| 24. Danujo | 1118 | 755 | 67.4 |
| 25. Rumanujo | 50 | 27 | 54.0 |
| 26. Azio | 1321 | 563 | 42.6 |
| 27. Aŭstrujo | 789 | 311 | 38.9 |
| 28. Grekujo | 137 | — | — |
| | **32525** | **30028** | **92.3** |

# Bibliografio

**Dorothy Canfield Fisher: INFANOJ KAJ PATRINOJ. Tradukis J. Guéritte. — 175 paĝoj. — 12,5 x 19 cm. — Eldonis: The Esperanto Publishing Cy. Havebla ĉe Belga Esperanto-Instituto, Lange Leemstraat, 127, Antv. Prezo 3 ŝ. 6 p.**

Antaŭ nelonga tempo, ni povis saluti en nia libraro la esperantan tradukon de « Koro », de la granda aŭtoro-pedagogo de Amicis.

Tiu okazaĵo estis des pli salutinda, ĉar fakte temis pri la unua eldonado de tia verko eduktendenca.

Nun ĝi jam ne plu estas sola sur nia librobeto: aperis ankaŭ la esperanta traduko de « Infanoj kaj Patrinoj », de Dorothy Canfield Fisher.

Ĝi estas altvalora verko, en kiu la aŭtorino, moderna Amerika patrino kaj psikologino antaŭmetas al la legantoj ne kelkajn teoriajn klarigojn, sed siajn propraj spertojn el la familia kaj patrina vivo.

Fakte ni ĉiuj vidas grandan diferencon inter la principoj kaj agadoj de la gepatroj vid-al-vide de siaj infanoj en la diversaj generacioj.

La libro, kiun eldonis « The Esperanto Publishing Cy » kaj kies bonegan lingvan prizorgon ni ŝuldas al J. T. Guéritte, certe konos sian bonan iron ĉe la esperantistaro.

HOSO.

**Rouen, Ville Musée.** 68-paĝa, riĉe kaj bele ilustrita gvidlibro pri la franca havenurbo Rouen, ĉefurbo de la provinco Normandio, kun urboplano. Sur p. 36 troviĝas artikoleto en Esperanto « Rouen, muzea urbo ». Prezo 5 fr. fk. Eldonita de: Syndicat d'Initiative de Rouen, Rouen, Francujo.

**Vizitu Lovenon, Belgujo!** 2-paĝa gvidfolio pri la vidinda urbo Leuven/Louvain. Senpage ricevebla de s-ro M. Wauters, Dieststr. 184, Loveno.

**Haapsalu en Estonio.** 16-paĝa ilustrita prospekto en Esperanto, pri tiu sanigŝlima kaj mara kuracloko, kie iam caroj de Ruslando serĉis resaniĝon kaj ripozon, kaj kie ankaŭ somerrestadis la fama komponisto Ĉajkovskij. Kun urboplano. Senpage ricevebla de: Haapsalu Linnavalitsus, Kooli str. 2, Haapsalu, Estonio.

**Jarlibro de la Esperanto-Movado 1938.** (Universala Esperanto-Asocio, Palais Wilson, Genève, Svislando.) 255 p., 11,3x16 cm.

**Programo de la Internacia Junularkunveno en Groet, Nederlando, 10-17 aŭgusto 1938.** Bela presaĵo 4-paĝa sur kartono, kun alegoriaj vinjetoj.

**31-a Kongreso de Esperanto-Asocio de Nord Ameriko.** 8-paĝa programo kun saluto de Lidia Zamenhof kaj kun 14 kantotekstoj.

**Toyokiti Takase: Pri la rilatoj inter kemiaj strukturoj kaj fiziologiaj agoj.** Tradukis el la japana lingvo Tooru Hattori. — 110 p. 15,5 x 22,7 cm. Prezo ne indikita. — Eldonis: Librejo Kaniya, Teramaĉi-Ebisugaŭa, Kioto, Japanujo.

**Foiro de Reichenberg, Ĉehoslovakio, 14-21 aŭgusto 1938.** Afiŝo en du formatoj: 62 x 94 cm., kaj 25 x 37 cm., kaj glumarko 3,5 x 5 cm. Kun la supre citita esperantlingva teksto kaj kun bildo de Merkuro ĉe direktilrado, sur kiu troviĝas la fama Reichenberg'a magneto.

**Propagandiloj el Finnlando.** Senripoze laboras nia samideano H. Salokannel en Uusikaupunki, eldonante diversspecajn propagandilojn pri Esperanto. El la lastatempaj ni citas la jenajn:

Kehitystä on aina hullunkurisin väittein vastustettu (La progreso estas kutime per burleskaj asertoj kontraŭstarata).

Suomen Kristillinen Esperantoliitto (pri la graveco de Esperanto por internacia kristana misio).

Raittiusväki yhteisrintamaan alkoholismia vastaan (pri valoro de Esperanto por abstinuloj).

Englannissa opiskellaan helppoa maailmankieltä (pri Esperanto en Anglujo).

Esperanto matkailukielenä (pri Esperanto kiel turista, koresponda kaj kongresa lingvo).

Esperanto (kartona surmura tabuleto, 24,5 x 21 cm., kun propaganda teksto pri Esperanto, IEL ktp.).

**XX-a Jubilea Kongreso de IKUE: Kongreslibro.** 64 + VIII paĝoj, 12,3 x 15 cm. Libreto riĉe ilustrita per tre multaj nigraj kaj kvar multkoloraj bildoj. La nomaro de l' kongresanoj enhavas 208 nomojn. Por 2 resp.-kup. oni povas ricevi la kongreslibron de: Damjan Vahen, Reslova 29, Ljubljana, Jugoslavio.

**Ĉinio en Flamo.** 20-paĝa eldonaĵo (13 x 19 cm) kun karikaturoj kaj terurbildoj pri la ĉina-japana milito. Tekstoj en Esperanto. Oni povas ricevi ĝin por unu resp.-kupono de: Mr. Johano H., P.O. Box 116, Canton, Ĉinujo, aŭ de P. v. d. Plank, v. Speijkstr. 48-1, Amsterdam-W., Nederlando.

# La kvaropa Konferenco

S-ro Rollet de l'Isle el Parizo sendis al ni tre interesan paragrafon el la parolado, kiun la brita ĉefministro direktis al la angla parlamento, paragrafon kiu unu plian fojon evidentigas la nepran dezirindecon de unueca helplingvo tutmonda. Jen ĝi :

« ... en Godesberg, s-ro Hitler donis al mi la ĝeneralajn formojn de la propozicioj entenataj en lia memorandumo, kiu devis esti akceptita sen templimigo.

... ĉar mi kredis ke temis nur pri trankvila diskuto pri la jam prezentitaj proponoj, mi estis malagrable mirigita kiam, komence de la diskuto, la Führer diris al mi, ke tiuj proponoj ne estas akcepteblaj, kaj ke li havas aliajn farotajn, kiujn mi tute ne estis konsiderinta. Pro tio mi foriris por pripensi.

Mi legis supozemajn raportojn pro la okazintaĵoj de la sekvinta tago, laŭ kiuj longaj horoj pasis, dum kiuj mi ĉeestis ĉe unu bordo de la Rejno, kaj s-ro Hitler ĉe la alia, ĉar mi renkontis malfacilaĵojn pri lia konsento certigi malantaŭeniradon de liaj soldataroj...

Tio estas tute fantazia. Ni estis interkonsentintaj por rekomenci nian interparoladon la morgaŭan tagon je 11.30 h. Sed, ***ĉar ne estas facile interparoladi per interpretisto,*** **kaj ĉar mi ne estis certa, ke tio, kion mi diris, estis ĉiam komprenita kaj ŝatita de li, mi opiniis ke taŭgus skribi kelkajn rimarkojn pri liaj novaj proponoj, kaj ilin doni al li kelkatempe antaŭ ol rekomenci nian interparoladon...”**

Oni memoras la terurigan emocion de la tuta mondo, kiam oni kredis, ke la interparolado estis subite interrompita pro fina malkonsento, dum la kaŭzo de tiu interrompo estis timo pri miskompreno, kiun Esperanto — se ĝi estus uzita — estus forigintа, kune kun la plia sufero, kiun ĝi trudis al la angorinta homaro.

Do, la brita ĉefministro publike konfesas ke estas malfacile interparoladi per interpretisto. Li timis esti miskomprenata de la germana Führer, kaj preferis resti en sia hotelo sur la monto de Sankta Petro transe de la Rejno, skribi leteron al s-ro Hitler, kaj atendi, ĝis kiam ĉi tiu estos bone konsiderinta la skribitan tekston, ne tiel facile misinterpreteblan kaj miskompreneblan kiel la rapide parolata kaj rapide tradukata vorto.

Ĉu s-ro Chamberlain el tiu sia sperto eltiros la konsekvencon? Ĉu li enkondukos Esperanton en la lernejoj de Granda Britujo? Ĉu — ĉe la atendebla dua interrenkontiĝo de l' «Granda Kvar» — li proponos ankaŭ al siaj kolegoj-ŝtatkondukantoj la enkondukon de l' internacia lingvo ?

Ni ne riskas tion esperi.

Tamen oni devus iel atentigi lin. Ĉu niaj amikoj en Britujo, Francujo, kaj eble ankaŭ en Italujo (pri Germanujo ni ne esperu) kaj kompreneble en ĉiuj ceteraj landoj ne provos enirigi tiusencajn artikolojn en la gazetaron de sia respektiva lando ? La momento ŝajnas favora por tia provo.

*(El « Heroldo de Esperanto »)*

# La Babela fatalo

★

**Ankoraŭ pri la lingva problemo en München.**

★

En la ĉiutaga germana ĵurnalo « Die Glocke » (La Sonorilo), aperanta en Oelde (Vestfalio), 1.10.1938, ni legas la jenan raporton, kiu tutcerte aperis en multaj aliaj germanaj kaj supozeble ankaŭ alilandaj gazetoj :

*La Konferenco de la Kvar en München deruliĝis en la daŭro de dekdu horoj, konforme al la volo kaj deziro de ĉiuj koncernatoj, ke oni povu kiel eble plej frue komenci kaj kiel eble plej frue fini. Tial oni tuj enpaŝis en la interkonsiliĝojn, post kiam la gastoj de la Gvidanto alvenis en la Ĉefurbo de la Movado (t.e. en München, kiu estas la sidejo de la nacisocialista movado. — Red.).*

*La priparolado dividiĝis je tri partoj: unu okazis en la tagmezaj, alia en la vesperaj, kaj la tria en la noktaj horoj. Oni estus povinta kuntiri (t.e. mallongigi) la konversaciojn, se ne pro la diverseco de la lingvoj de l' koncernatoj estus necesa la perado de interpretistoj, kiu kompreneble efikis temporabe, kiel ankaŭ la verkado de la diversaj dokumentoj okazis kun perdo de tempo, ĉar oni devis kompari ilin, kaj interagordi iliajn formulojn laŭvorte kaj laŭsence.*



Do, ankaŭ en la nuna Germanujo oni plene ekkonas la lingvajn malfacilaĵojn; sed oni akceptas ilin kiel neŝanĝeblan **fatalon.** Se Germanujo estus akceptinta ankaŭ la Versajlan diktaton kiel fatalon, neniam ĝi sukcesus nuligi tiun dokumenton.

Oni ne scias, ĉu — kiel esperantisto — oni ridu aŭ ploru pri tia nekredebla miopeco en lingva rilato, kiam oni legas, ekzemple, pri la perado de l'interpretistoj, ke ĝi « kompreneble » (!!!) efikis temporabe. Kompreneble, jes! Sed ni ne povas mense kapti, kial oni « kompreneble », rezignacie, kun pendantaj brakoj, devas akcepti tiun temporaban staton, dum ke la preta rimedo, por plibonigi tiun staton, jam delonge ekzistas kaj plene funkcias ! Sed, « kompreneble », Esperanto restas plu « nedezirata ». Ĉis kiam ?

## Strato ŝanĝis nomon

En hungarlingva ĵurnalo transilvania « Uj Kelet », aperanta en Cluj, Rumanio, troviĝis artikolo sub la titolo « Viena strato ŝanĝas nomon ». Temas pri strato nomita laŭ D-ro L.L. Zamenhof « kiu el la sonĝbildo de interpaciĝo de l' popoloj kreis la mondlingvon de l' Espero kaj Idealismo ». « Ĉie en la vasta mondo » (daŭrigas la ĵurnalo), « en ĉiuj terpartoj kaj en ĉiuj landoj vivas almenaŭ eta grupo de homoj, kiuj trans ĉiuj mondideaj tempestoj konservas por pli bonaj tempoj la verdan standardon de Esperanto. » La ĵurnalo esprimas la opinion ke, el tutmonda vidpunkto, la nomo forviŝita eble estas pli grava ol tiuj de l' forviŝintoj, kaj ke la nomo de Zamenhof iam reaperos sur la anguloj de Viena strato, kiam multaj nomoj nunmomente famaj jam estos forgesitaj.

# La "MINIPIANO" BRASTED

PREZENTATA
DE
— 12,5 x 19 cm. —
The Esperanto
Have
FAES
Schoenmarkt, 16[1]
Marché aux Souliers
ANTVERPENO

KOSTAS
Fr. 4.400,—



Gustumu la bonegan
**YOUGHOURT "NUTRICIA"**
- ĉiam freŝan. -
Produktoj por ĉiuj dietoj, por plenkreskuloj kaj infanoj. Ĝenerala Deponejo:
Sta Jakob-strato 8, BRUĜO.

**CREMERIE DE DIXMUDE**
F-ino M. M. MESTDAGH
St. Jacobstr., 8, rue St. Jacques
BRUĜO.
Specialaĵoj: Butero de Dixmude, Ovoj, Fromaĝoj — Tel.: 318 52

OSTENDO — BELGUJO
**HOTEL VROOME**
*RENDEVUO DE LA ESPERANTISTOJ*
20, BULVARDO ROGIER. — Tel.: 37.

**BELGA MARBORDO**
**Grand Hôtel d'Oostduinkerke**
Bone konata de multaj Esperantistoj.
**P. BENOIT, Delegito de U. E. A. Posedanto**

# HOTEL DU CORNET D'OR
2, PLACE SIMON STEVIN (BRUĜO)
Sidejo de la Bruĝa Grupo Esperantista (Reĝa Societo).
— Tre komfortaj ĉambroj, bonaj manĝaĵoj. —
*Oni parolas Esperanton. — English spoken.* DS (106)

**"GEVEA" SAPO...**
G. VERMANDERE
Wetstraat, 15, Antverpeno

**ESTRARO DE „BELGA LIGO ESPERANTISTA"**

**Prezidanto:** D-ro Paul Kempeneers, 19, Avenue Montjoie, Uccle. (Tel.: 44.53.00.)

**Vicprezidantino:** F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat — Rue de l'Outre, Bruĝo. (Tel.: 320.86.)

**Vicprezidanto:** S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno). (Tel.: 777.58.)

**Sekretario:** S-ro Ch. Poupeye, 42, Elf Julistraat, Bruĝo.
**Kasisto:** S-ro André Tassin, 1, rue St Joseph, La Louvière.

**Por pagoj de kotizoj, anoncoj, abonoj kaj donacoj:**
P.Ĉ.K. 1337.67 de Belga Ligo Esperantista (La Louvière).

**Por pagoj al I. E. L.:**
grupanoj al la P.Ĉ.K. de sia grupo ;
izoluloj al la P.Ĉ.K. de Belga Ligo
Por ĉiuj aliaj rilatoj pri I.E.L. sin turni al : S-ro G. Van den Bossche, teritoria sekretario. Rembrandtstr., 7, Antverpeno.

**Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto:**
P.Ĉ.K. 1689.58, Antverpeno (Lange Leemstraat, 127).

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Lange Leemstraat, 127, ANTVERPENO.